4^me^ Annee, N° 5. | 4a Jaro, 5a Numero. Januaro 1906 (N° 41) | 4e Jaar, Nr 5.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

DIREKTORO : Dro M. SEYNAEVE (HEULE-COURTRAI).

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

**Sendu al la Direktoro :**

*Ĉion koncernantan la redaktadon de la ĵurnalo : manuskriptojn, novajn verkojn, k. c.*

**Sendu al la Administranto :**

*Ĉion koncernantan la administradon : abonojn, anoncojn, petojn pri interŝanĝo, k. c., kaj ĉiujn novaĵojn pri la belga aŭ eksterbelga movado.*

### Prix des Abonnements :

| | |
|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) . . . . . . . | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue . . . . . au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) . . . . . . . . . au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro . . . . . . . . . . . . . . . . . | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années . chacune | 5,00 fr. |
| pour l'étranger | 6,00 fr. |

### Inschrijvingsprijs :

| | |
|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) . . . . . . | 4,00 fr |
| Met inschrijving in den Bond. . . . . ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) . . . . . . . . ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer . . . . . . . . . . . . . . . . . | 0,40 fr. |
| De drie vorige jaren . . . . . . . . ieder | 5,00 fr. |
| Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ : 4 fr. ĉiujare. — Unu no : 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1r Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

## ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES. NOUVELLE PROMENADE, 4.

DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING 4.

# LES 16 RÈGLES
## DE LA GRAMMAIRE ESPERANTO.

*Alphabet.* A, B, C (ts), Ĉ (tch), D, E (è), F, G (gue), Ĝ (dj), H (aspiré), Ĥ (ch allemand; pour les Wallons, le h de *bihe, bâhe*), I, J(y yeux), Ĵ(j), K, L, M, N, O, P, R, S (ç), Ŝ (ch), T, U (ou), Ŭ (w pour les Flamands et les Wallons), v, z.

Sauf les exceptions signalées entre parenthèses, toutes les lettres se prononcent comme en français. Elles gardent partout leur son alphabétique.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable pour tous les genres, nombres et cas. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par O. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — L'Esperanto a deux cas : le nominatif et l'accusatif; ce dernier est marqué par l'adjonction de *n*, tant au singulier qu'au pluriel : *la patro* = le père, *la patroj* = les pères, nominatif; *la patron* = le père, *la patrojn* = les pères, accusatif.

*Règle 3.* L'adjectif se termine par A et suit les règles du substantif : *patra* = paternel, *patraj* = paternels.

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu* 1, *du* 2, *tri* 3, *kvar* 4, *kvin* 5, *ses* 6, *sep* 7, *ok* 8, *naŭ* 9, *dek* 10, *cent* 100, *mil* 1000. Les numéraux ordinaux se forment en ajoutant *a* aux cardinaux; ils deviennent ainsi de véritables adjectifs et en suivent toutes les règles : *la tria* = le troisième; *la triaj* = les troisièmes. Les multiplicatifs prennent le suffixe *obl* : *la duoblo* = le double; *la dekoblo* = le décuple. Les fractionnaires avec *on* : *la triono* = le tiers. Les collectifs avec *op* : *duope* = à deux.

*Règle 5.* Les pronoms pers. sont : *mi* (je, moi), *vi* (vous, tu, toi), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il, elle, neutre), *si* (soi), *ni* (nous) *ili* (ils, elles), Par l'adjonction de A, ils deviennent adjectifs ou pronoms poss. : *mia* (mon), *miaj* (miens), *mian* (mien, accusatif). Les pronoms se déclinent comme les subst. : *min* = moi, me (accusatif).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i* : *fari* = faire; présent *as* : *mi faras* = je fais; passé *is* : *vi faris* = vous faisiez, vous avez fait; futur *os* : *ili faros* = ils feront; conditionnel *us* : *ŝi farus* = elle ferait; impératif *u* : *faru* = fais, faites; *ni faru* = faisons; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent : *ant* : *faranta* = faisant; passé *int* : *farinta*=ayant fait; futur *ont* : *faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at* : *farata* = étant fait; passé *it* : *farita* = ayant été fait; futur *ot* : *farota* — devant être fait, que l'on fera.

L'Esperanto n'a qu'un seul verbe auxiliaire : *esti* = être.

Le verbe ne change ni pour les personnes ni pour les nombres; en le combinant avec les participes passifs, on forme la voix passive : *Mi estas amata* = je suis aimé.

*Règle 7.* L'adverbe dérivé est caractérisé par la terminaison *e* : *patre* = paternellement.

*Règle 8.* Toutes les prépositions veulent par elles-mêmes le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce tel qu'il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant-dernière syllabe : fo*i*ro, pa*tr*ujo.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* Si la phrase contient déjà un mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime ; *mi vidas neniun* = je « ne » vois personne.

*Règle 13.* On met à l'accusatif le complément direct ainsi que le mot qui marque le lieu vers lequel on se dirige : *mi estas tie* = j'y suis ; *mi iras tien* = j'y vais.

*Règle 14.* Chaque préposition a un sens immuable. Lorsque le choix de la préposition ne s'impose pas clairement, on emploie la préposition *je* qui n'a pas de signification propre. On peut aussi employer l'accusatif et supprimer la préposition, à condition qu'aucune amphibologie ne soit à craindre.

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro*.

*Règle 16.* La terminaison de l'article peut se supprimer et se remplacer par une apostrophe, après une préposition se terminant par une voyelle : *la pordo de l' domo* : la porte de la maison. Elle se supprime beaucoup plus rarement, de même que pour le substantif, dans certains cas notamment comme licence poetique : *Ho mia kor'!* = Oh ! mon cœur.

# DE 16 REGELS
## DER SPRAAKLEER VAN HET ESPERANTO.

*Alphabet.* A, B, C (ts), Ĉ (tch), D, E (halflang), F, G (z. a. in het Nederlandsch), Ĝ (dj), H (geadspireerd), Ĥ (ch), I, J (z. a. in het Nederlandsch), Ĵ (z. a. in het Fransch), K, L, M, N, O, P, R, S, Ŝ (z. a. de Fransche ch), T, U (oe z. a. in het Duitsch), Ŭ (z. a. de Vlaamsche w) V, Z.

Behoudens de uitzonderingen tusschen haakjes aangeduid, worden al de letters uitgesproken als in het Nederlandsch. Zij bewaren altijd hunne alphabetischen klank.

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts één bepalend lidwoord, nl. *la*, dat voor al de geslachten, getallen en naamvallen onveranderd blijft. Het niet bepalend lidwoord bestaat niet.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op O. Het meervoud wordt gevormd door bijvoeging van *j*. — Het Esperanto heeft twee naamvallen : den nominatief en den accusatief; deze laatste wordt gekenmerkt door bijvoeging van *n*, zoowel in het enkelv. als in het meerv. : *la patro* = de vader, *la patroj* = de vaders, nominatief; *la patron* = den vader, *la patrojn* = de vaders, accusatief.

*Regel 3.* Het bijv. w. (adjectief) gaat uit op A en volgt de regels van het naamw. : *patra* = vaderlijk ; *patraj* = vaderlijk(e).

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu* 1, *du* 2, *tri* 3, *kvar* 4, *kvin* 5, *ses* 6, *sep* 7, *ok* 8, *naŭ* 9, *dek* 10, *cent* 100, *mil* 1000. De rangschikkende telw. worden gevormd met *a* bij de grondgetallen te voegen; zij worden aldus echte bijvoeglijke woorden en volgen er al de regels van : *la tria* = de derde ; *la triaj* =de derde, meervoud. De vermenigvuldigingstelwoorden nemen het achtervoegsel *obl* : *la duoblo* = het dubbel ; *la dekoblo* = het tienvoud. De breuken nemen *on* : *la triono* =het derde; de verzamelende telw. nemen *op*: *duope*, getweeën.

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn *mi* (ik, mij), *vi* (gij, u), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het, hem), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *ili* (zij, hen, hun). Door de bijvoeging van *a* worden zij bijvoegelijke bezittelijke woorden of voornaamwoorden *mia* (mijn), *miaj* (mijne, mv.) *mian* (mijnen, acc).

*Regel 6.* De uitgangen der werkw. zijn ten getale van 12 : Noemvorm *i* : *fari* = doen ; tegenw. tijd *as* : *mi faras* = ik doe ; verl. tijd *is* : *vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan ; toek. tijd *os* : *ili faros* = zij zullen doen ; voorwaardelijke wijze *us* : *ŝi farus* = zij zou doen ; gebiedende wijze *u* : *faru* = doe, doet ; *ni faru* = laat ons doen ; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord. Tegenw. tijd *ant* : *faranta*=doende ; verl. tijd *int* : *farinta* = gedaan hebbende; toek. tijd *ont* : *faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord. Tegenwoordige tijd *at* : *farata* = gedaan (wordend) ; *farita* = gedaan (zijnde) ; *farota* = zullende gedaan worden.

Het Esperanto heeft slechts één hulpwerkw. : *esti* = zijn. Het werkw. verandert noch voor personen, noch voor getallen; wanneer men het met de lijdende deelw. vereenigt vormt men den lijdenden vorm : *Mi estas amata* = ik word bemind.

*Regel 7.* Het afgeleid bijwoord, wordt gekenmerkt door den uitgang *e* : *patre* = op vaderlijke wijze.

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen den nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt juist uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep : fo*i*ro, patr*u*jo.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging der elementen waaruit zij bestaan. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Wanneer in den zin reeds een woord voorkomt met ontkennende beteekenis, valt het bijwoord *ne* weg : *mi vidas neniun* = ik zie niemand.

*Regel 13.* In den accusatief staat het voorwerp, alsook het woord, dat de plaats aanduidt waarheen men zich richt : *mi estas tie* = ik ben er ; *mi iras tien* = ik ga er heen.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis. Indien de keuze van het voorzetsel niet duidelijk bepaald is bezigt men het voorzetsel *je* dat geene vaste beteekenis heeft. Men kan den accusatief bezigen en het voorzetsel weglaten, indien zulks geen dubbelzinnigheid te weeg brengt.

*Regel 15.* De vreemde of internationale woorden veranderen niet in het Esperanto ; zij volgen er slechts de schrijfwijze van.

*Regel 16.* De uitgang van het bep. lidw. kan weggelaten en door een afkappingsteeken vervangen worden na een voorzetsel dat op eenen klinker eindigt : *de l' mondo* = *de la mondo*. Dit gebeurt ook soms met het naamw., namelijk in de dichtkunst : *Ho mia kor'!* = O, mijn hart !

4me Année, No 5. | 4a Jaro, 5a Numero. Januaro 1906 (No 41) | 4e Jaar, Nr 5.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

DIREKTORO : D<sup></sup>RO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

# NIA DUOBLA KOVRILO.

Ĉi tiu numero montras tre bonan novaĵon. De nun, la « BELGA SONORILO » ĉiam havos duoblan kovrilon aranĝitan tiamaniere ke la interna folio, facile elprenebla, povos tre utili por la propagando.

Ni petas niajn legantojn ke ili bonvolu tre atenti je tio kaj ĉiam uzu la propagandan folion kiun nia ĵurnalo ĉiumonate alportos al ili. Tiu folio, kiu malgraŭ tre malgranda amplekso enhavas ĉiujn informojn necesajn por la novaj varbitoj, tre efike helpos al la agado de niaj amikoj : donite al tiu kiun la B. S. aŭ interparolado ĵus konvertis al la Esperanta afero, ĝi malebligos la perdon de tiu nova aliĝo.

Se tio montriĝos utila, ni povos ĉiumonate liveri kelke da tiuj folioj al niaj propagandistoj : ili bonvolu konigi al ni sian opinion pri tio.

## NOTRE DOUBLE COUVERTURE.

Le numéro de ce mois comporte une très heureuse innovation. Désormais la « BELGA SONORILO » paraîtra toujours avec une double couverture, disposée de telle façon que la feuille intérieure, très facilement détachable, puisse servir utilement à la propagande.

Nous attirons sur ce point la très sérieuse attention de nos lecteurs, et les prions de ne jamais laisser inutilisée la page de propagande que notre revue leur apportera chaque mois. Cette page, qui sous un volume très restreint donne tous les renseignements nécessaires aux nouveaux adeptes, constituera un auxiliaire très précieux dans la propagande de nos amis : mise entre les mains de celui qu'une conversation ou la vue du journal vient de convertir à l'idée Espérantiste, elle empêchera cette nouvelle recrue de se perdre pour nous.

Si la chose paraît utile, nous pourrons procurer chaque mois un certain nombre de ces feuilles à nos amis : nous sollicitons leur opinion à ce sujet.

## ONZE DUBBELE OMSLAG.

*Het nummer dezer maand behelst eene zeer goede nieuwigheid. Voortaan zal de « BELGA SONORILO » altijd verschijnen onder dubbelen omslag, geschikt op zulke wijze, dat het binnenblad, zeer gemakkelijk uitneembaar, voordeeliglijk tot de propaganda kunne aangewend worden.*

*Op dit punt roepen wij de zeer ernstige aandacht onzer lezers, en bidden hen het propagandablad dat ons tijdschrift hun elke maand zal aanbrengen, nooit ongebruikt te laten. Die bladzijde, die voor de nieuwe aanhangers, al de noodige inlichtingen, onder zeer beperkten omvang opgeeft, zal voor de propaganda onzer vrienden een zeer kostbaar hulpmiddel uitmaken; in de handen geplaatst van dengene, die door een gesprek of door het zicht van ons tijdschrift tot het Esperantisch gedacht overhaald werd, zal zij beletten, dat die nieuwe aanwinst voor ons verloren weze.*

*Indien de zaak nuttig bevonden wordt, zullen wij iedere maand een zeker getal zulke bladen aan onze vrienden verschaffen: wij bidden hen ons hun gedacht daarover te doen kennen.*

## Ĉe la Patrujo de la Belgaj Esperantistoj.

### La mirinda ekskurso de Sro Putifaro.

« *Estimata Sinjoro. — La Komitato de la « Antverpena Grupo Esperantista » havas la honoron vin inviti al la parolado de Sro Komto Lemaire, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.* »

Kia bela okazo! Jam de tiel longe mi deziris vidi Esperantistojn!

Tio estis mia revo! De l' tago kiam mi mistere konatiĝis kun tiu idiomo, ĉiuvespere, kiam ĉiuj vilaĝaj pordoj fermiĝis, mi malkaŝis zorgeme miajn lernolibrojn kaj, sub la fumiĝanta lampeto, ektimante pro ia brueto, mi lernis Esperanton. Ho! se miaj amikoj ekkonus tion, kia mokado, kia ŝercado! Kaj plie, ŝajnis al mi ke Esperanto estas sekreta lingvo de internaciistoj, nihilistoj, revoluciistoj kaj aliaj sentaŭguloj: ĉu la respektinda maljuna instruisto de Ranokulo povis diskonigi tian amikaron?

Vidi Esperantistojn! Tre strangaj viroj sendube? Jam ĉiujn iliajn nomojn mi tre bone konis: kiaj nomoj! Strangaj kiel la personoj mem! Van Melckebeke, Coox, Brahms, Seynaeve, Van Pelt, k. c.! Kiam mi legis ilin, malvarmiga frosttremeto ĉiam karesis mian dorson. Vere, mi ankaŭ konis la gloran nomon de Komto Lemaire, sed ĉu mi ne legis iam en grava ĉiutaga gazeto ke estas tre bedaŭrinde ke tiu famulo aliĝis al tiu ridinda Esperanta kanajlaro!.... Nu! mi iros kaj vidos ilin!

Iom kortuŝanta estis la ekiro: la frumatena decembra malvarmeto arĝentigis la arbajn branĉarojn; blankaj nubetoj « per flugiloj de facila vento » vagadis tra la lazura ĉielo; kiel ŝtelisto post nokta rabado, mi timeme, nerimarkate, paŝetadis al la fervojo lernante kaj murmurante Esperantajn frazetojn. Mi vestis min per malpuraj vestoj kaj nepriskribebla ĉapelo protektis mian nerazitan vizaĝon: mia ekstero tre plaĉis al mi kaj ŝajnis posedi karakteron vere Esperantistan: se mi vestus min pli klere, certe oni ne akceptus min.

Fine mi alvenas en Antverpenon, kiun mi nur tre malofte vizitis, kaj mi tuj aliras la havenan malriĉan kvartalon, en kiu kredeble troviĝas la Verda Placo kun la sidejo de l' Esperantista Grupo. Mi timas demandi iun pri la vojo.

Longatempe mi vagadas tra mizeraj stratetoj, ne trovante la Verdan Placon; dume, la ĉielo kovriĝis per grizaj nuboj kaj mistera, malĝoja pluveto dolĉe ekfalas en la mallumiĝanta densa aero. Laca, malsata, mi eniras malpuregan trinkejon kaj, iom plifortiĝinte, mi kuraĝas demandi la mastrinon pri la vojo. Ŝi kompleze ĝin konigas kaj, min rigardante per stranga rigardo, ŝi aldonas ke tie oni povas sendanĝere « labori » nur post la 2a matene. Tre dankante pro la afabla konsilo, mi tremante eliras kaj baldaŭ alvenas al la Verda Placo.

Sed, Dio mia! Ĉu mi revas? La Verda Placo estas belega placo, riĉe ornamita per grandaj konstruaĵoj, kaj tie, antaŭ mi, la « Taverne Royale », sidejo de l' grupo, estas riĉega kvinetaĝa kafejo; grandegan verdan flagon kun la Esperanta stelo agitas la vento, kaj ĉe la balkono estas alpendita brila blazonŝildo. Mi staras senmova, miregante.

Elegante vestitaj personoj senĉese eniras la domegon: ili certe ne estas Esperantistoj.

— « Ĉu Vi ĉeestos morgaŭ la balon de l' Provincestro, Sinjoro? »

— « Ho jes, Fraŭlino, kaj mi tre esperas ke mi Vin...... » Kaj grupo da belaj gejunuloj pasas flanke kaj, babilante en Esperanto, eniras en la sidejon.

Nekredeble! Ĉu tio estas ebla? Mi sentas kapturnojn.... mia cerbo rigidiĝas.....; tamen mi ne povas restadi tie.... kaj timeme mi ankaŭ eniras......

Luksa larĝa koridoro..... blanka marmora ŝtuparo..... kaj subite luma ĉambrego. Honte mi kaŝas min en iau angulon. Antaŭ riĉa kaj eleganta aŭdantaro staras du viroj; la unua estas granda tridekjarulo: nazumo tremetanta sur la nazo kaj tuto da longaj haroj ĉe la mentono donas al li ian profetan, neniel revoluciistan eksteron; pro lia dirado mi ekscias ke li estas la prezidanto de l' grupo, ĉar li nun alparolas en Esperanto malgrandan, maldikan oficiron kies bruston ornamas longa vico da ordenoj: Komton Lemaire, kiu siavice, kiom mirinde! respondas en Esperanto. Liaj flamaj kaj entuziasmaj paroloj pri la beleco de la internacia lingvo naskas bruan aplaŭdadon.

Senlima surprizo, dolĉa feliĉo plenigas mian animon; agrabla vidaĵo de mondo tute nova disvolviĝas antaŭ miaj okuloj: Esperanto ne estas la malestimata mizerulo, la forpelinda sentaŭgulo kiun mi opiniis! Scienculoj kaj riĉuloj amas kaj gloras ĝin en luksaj salonoj.....

Sed ĉiuj lumigiloj estingiĝas kaj Komto Lemaire nun rakontas france pri sia Afrika esplorado en la lando de l' Niam-Niam'oj. Parolante, li paŝadas meze de l' aŭskultantoj kaj montras sur la lumfiguraĵoj ĉiujn detalojn de sia Afrika vivado. Mi admiras tiun homon: lia voĉo, jen dolĉe fluanta, jen akre kaj skue sonanta, montras la bonecon kaj kune la vivegecon de lia karaktero: ĝi estas voĉo samtempe amikiĝema kaj ordonema; lia energia vizaĝo kaj precipe liaj okuloj strange kontrastas kun la duonnigra ĉirkaŭa mallumo. Ho! tiuj okuloj! ili lumas per fulma brilo, ili traboras la nokton kaj similas animon vagantan super niaj spiritoj: la tuta viro montriĝas per la okuloj. Nur dum unu momento ili rigardis min kaj ŝajnas ke mia koro, mia instruista koro, svenas en mia brusto......

Min ekkaptas alloganta, ama sentado; io mirinda, nedirebla kunligas min al ĉiuj aŭskultantoj: la mistera, forta voko de l' interhoma frateco sonas en la aero kaj premas min netolereble..... Mi sentas, mi komprenas, mi vidas fine kio estas Esperanto.....

Ho, feliĉa horo!

Aplaŭdoj vekas min el mia sonĝo dum subite la ĉambrego relumiĝas..... Mi volus alparoli tiujn Esperantistojn, kiuj nun amike interbabilas; sed spegulo montras al mi mian eksteron kaj, honta, mi forkuras.... Tamen feliĉa, tre feliĉa mi estas ĉar mi sentas min Esperantisto kaj ĉar morgaŭ, tion mi ĵuras per la barbo de Zamenhof, ĉiuj Ranokulanoj konos kaj amos Esperanton.

H. C. Putifaro,
*Ĉefinstruisto en RANOKULO.*

# NIA REVUETO!

**Centra Oficejo aŭ Centra Komitato? — Kiun do oni trompas ĉi tie? — Ankaŭ iom pri la Lingva Komitato.**

Kiam, antaŭ du monatoj, mi redaktis unuan "Revueton", mi certe pensis ke tiu regula ĉirkaŭrigardo al la tuta Esperanta afero, sub tre modesta titolo, estus por mi agrabla laboro kaj ke, iom amuzante la legantojn, — "ŝerce dirite, cele pensite" — mi povus facile instrui ilin pri la ĝenerala movado de nia entrepreno; sed mi neniel antaŭvidis ke tiel baldaŭ — jam nun — mi devos eniri la batalkampon.

En tiu unua "Revueto" (Nro novembra 1905), memoriginte la ĵusajn akrajn disputojn pri utileco de alcentrigo aŭ ne-alcentrigo de nia agado, mi aldonis ke kredeble la preskaŭ tuta Esperantistaro kaj certe la tuta kongreso (krom kelkaj esceptoj) energie malaprobis ĉian alcentrigan organizadon; ke, plie, nur la IIa kongreso definitive solvos tiun demandon. Poste, priparolinte la starigon de la « *Organiza Komitato* » kaj de la « *Centra Oficejo* », mi, sola en la tuta Esperanta gazetaro, mi kritikis la ŝajnan aŭtoritatemon de tiu komitato kaj demandis, ĉu la fondo de la Centra Oficejo ne montriĝus kiel senrajta altrudo de ia centra organizacio.

Multajn aprobajn leterojn mi ricevis.

Ankaŭ la tre estiminda prezidanto de la Organiza Komitato, Sro Generalo Sebert, skribis al mi por certigi ke la Centra Oficejo neniel intencas fariĝi *direktanta* organismo de *Esperantismo* kaj estas nur *privata* fondaĵo, kreita de malavaraj Esperantistoj, por *helpi* al la Organiza kaj Lingva Komitatoj, kaj ĝenerale por *helpi* al ĉiuj Esperantistoj kiel komuna informilo kaj perilo; ke ĝi estas do nur *vera oficejo.*

Tre kontentigaj estis tiuj klarigoj. (*)

Sed en la franca ĵurnalo « *Esperanto* » (nro de 31a Decembro 1905), Sro C. Bourlet, la tro fama prezidanto de l' Grupo Pariza, ĵus publikigis artikolon en kiu, kun nekredebla maltimego, li skribas ke, malgraŭ la volo de la kongreso kaj de la Esperantistaro, la Centra Oficejo, fondita de kelkaj privataj Esperantistoj, vere plenumos la rolon de Centra Komitato kaj regos la tutan Esperantismon!

Jen liaj vortoj:

« La ĵusa kongreso ne kuraĝis. Sed *oni* kuraĝis je ĝia loko, kaj tio estas bonega. El ambaŭ malprecizaj kaj nedifinitaj komitatoj, kiujn ĝi, nenion kreante, kreis, la Centra Oficejo eliris per privata iniciativo. Ni tuj danku la amikojn de Esperanto kiuj fondis tiun utilan organismon kiu, starante super ĉiuj, senpartia, povos fariĝi la unuigilo, la necesa ligilo por kunigi niajn disajn branĉojn. »

« Estas necese ke, jam nun, ni kutimiĝu peti ĝian perilon kaj liveri al ĝi la direktadon de la ekster-nacia propagando, ĝis kiam la kongreso de Ĝenevo definitive difinos ĝiajn rajtojn kaj povojn. »

Poste, malvolvinte sian opinion ke estus pli bone detrui la naciajn societojn kaj ilin anstataŭigi per federoj de l' grupoj, li aldonas:

« Kaj super tiuj federoj (starus) la Centra Oficejo kaj la Lingva Komitato, por solvi la internaciajn aŭ plibone la ekster-naciajn demandojn, kaj organizi la ĉiujaran internacian kongreson. »

Vere, jen estas stranga, strangega *Oficejo*! oficejo, tute privata, kies direktantojn konas neniu, difinita nur por konservi gazetojn kaj arkivojn, sed kiu altrudos al si, kontraŭ la volo de la tuta Esperantistaro, aŭtoritaton tian kian oni neniam maltimis elpensi por ia *Centra Komitato*!

Ĉiuj veraj amikoj de Esperanto tre bedaŭros tiun gravegan kulpon de homo, kiu, kiel multaj aliaj malpli bruemaj, antaŭe faris al Esperanto grandajn servojn sed kiu, de nun kaj por ĉiam, perdas ĉies konfidon.

Silenti oni ne povas hodiaŭ.

Kaj mi mallonge respondas:

Estas malvere ke la kongreso ne *kuraĝis*: ĝi ne *volis*; tion tre bone scias Sro Bourlet kaj ankaŭ pro kiaj motivoj ĝi ne volis;

Nur la IIa kongreso povos decidi pri centra direktanta komitato;

Ĉu liaj diroj estas veraj ĉu ne, Sro Bourlet senhonte atencis la liberecon de la Esperantistoj;

Li nepre kaj ridinde eraras, opiniante ke sufiĉas maltimi senrajte kaj perforte por sukcesi: tion li baldaŭ spertos;

Sro Bourlet verŝajne tre pligrandigos la malamon de la Esperantistoj al centra organizacio: se oni jam tiom multe altrudas al si sen ia rajto, kiom pli multe kun ia rajto!

El la diroj mem de Sro Bourlet (kaj de Sro Generalo Sebert) mi konkludas:

Ke la centra oficejo estas nepre privata organismo: ĝi posedas do nenian oficialan ekziston kaj nenian rajton aŭ povon;

Kaj, se la diroj de Sro Bourlet estas veraj, ke ĝi maljuste altrudas al si aŭtoritaton, kiun akceptos neniu Esperantisto.

Kaj nun, la Esperantistaro postulos plenajn klarigojn:

kiuj estas la direktantoj de Centra Oficejo,
kiaj estas ĝiaj precizaj rilatoj kun la Organiza Komitato,
kiaj estas ĝiaj veraj intencoj kaj celo,
ĉu la diroj de Sro Bourlet estas veraj aŭ ne?

Laŭ Sro Generalo Sebert, la Centra Oficejo estas nur utila informejo; laŭ Sro Bourlet, ĝi volas esti ĉiopova, superreganta Centra Komitato.

Kiun do oni trompas ĉi tie?

Aŭ plibone:

Kiu do trompas nin?

***

En la sama artikolo, Sro C. Bourlet defendis strangan opinion: li konsilas neniigi ĉiujn naciajn societojn kaj jurnalojn (precipe en Francujo, sendube?) sed starigi fortikan ekster-nacian organizacion (sub la ĉiopova aŭtoritato de la Centra Oficejo). Ĝis nun ni preskaŭ ĉiuj opiniis ke kontraŭa agado estas preferinda: starigi aŭ plifortigi la naciajn societojn, sendepende de ia internacia aŭtoritato. Stranga mistero..... ne por ĉiuj!

(*) Cetere, neniu povas dubi pri la granda utileco de tia informejo kaj pro ĝia fondo (konsiderante en ĝi nur *oficejon*) ni devas tre danki kaj laŭdi la organizintojn.

Dro M. S.

Vere, la regado de Centra Oficejo alportos al ni multajn surprizojn!

***

Ŝajne kontraŭ, eĉ sub la Organiza Komitato, efektive super ĝi staras la Lingva Komitato, ĉar ĝin rajte kaj definitive akceptis la kongreso, konsente kun la tuta Esperantistaro. Laŭ la ĝenerala opinio, ĝi alportus tre grandan utilon. Ĉu efektiviĝas aŭ efektiviĝos tiuj esperoj? Mi ne ankoraŭ povas respondi; tamen, mi devas diri ke la maniero, en kiu oni kreis ĝin, igis tre malfacila por ĝi prosperan agadon. Unu sola racia maniero ekzistis (pri tio ĉiuj konsentis) por starigi ĝin: la Aŭtoro de Esperanto, kiu konas la Esperantistojn indajn kunlabori en liaj lingvaj laboroj, devis mem elekti ilin; ĉia ajn alia maniero estis malbona kaj danĝera. Tion Dro Zamenhof ne volis fari. Mi ne detale priskribos la uzitan manieron; mi nur diros ke ĝi estis stranga, vere tute stranga.

Kaj tiamaniere oni donis al ni lingvan komitaton, en kiu multo da komitatanoj (mi ne timu malkovri la veron: « Pri la ŝtrumpa truo scias nur la ŝuo ») eĉ ne skribas korekte la lingvon! Sro E. Boirac, la eminenta rektoro de la Universitato de Dijon — jen almenaŭ unu plej bona elekto! — konsentis gvidadi la laborojn de la komitato sed tiu ofico certe ne estos facila! Ĝis nun la komitatanoj faris nenion, ricevis nenian komunikaĵon, kvankam tre urĝas iliaj laboroj. Evidente la lingva komitato, kiu enhavas ĉirkaŭe 70 (!?) membrojn, povos utile laboradi, nur se oni tre malgrandigos tiun nombron. Kiamaniere oni faros tiun malgrandigon, tion mi alifoje ekzamenos. Sed jam nun mi diru ke tio estas tre grava demando, de kies solvo dependas la sukcesa laborado de la komitato. Tion oni ne forgesu. Se la vera lingva komitato estos bone elektita, ĝi efike laboros; se ne, ĝi ne sole ne utilos, sed eble malutilos Esperanton. « Melku bovon senfine, ĝi lakton ne donos »!

Dro M. Seynaeve.



## Danco de la Afiksoj.

Mi lernis Esperanton nur de kelkaj tagoj, kaj mi trovis tiun lingvon tiel interesa, ke mi ĉiam tre bedaŭre forlasis mian libreton.

Dum la sama tempo, la vetero estis pluva kaj malvarma, multajn malsanulojn mi kuracis, kaj ĉiuvespere tre laca mi reeniris hejmen.

Ian tagon, mi ankaŭ ekmalsaniĝis: grandaj tremfrostoj trairis mian dorson, mi sentis perfortajn pulsobatojn en miaj tempioj, kaj, kiam mi stariĝis, ĉio turniĝis ĉirkaŭ mi. Ha! kiel kuracisto suferas, kiam febron havas li mem!

Mi estis devigata min enlitigi. Baldaŭ okazis la jena sceno.

Mi ekaŭdis voĉojn kriantajn: « Sonorilo, Sonorilo, Sonorilo...! »

Subite IGI kaj IĜI eniris mian ĉambron; ili ambaŭ havis maldikajn krurojn kaj brakojn, kaj longajn fingrojn; ili tenis sin reciproke per la mano. Kun ridetanta mieno, ili antaŭeniris al mia lito kaj klinis sin antaŭ mi. Poste, ili disiĝis je kelkaj metroj. Tiam IĜI ekkaptis sian signon ( ^ ), kiu havis la formon de « kloŭna » ĉapelo, kaj ĵetis ĝin al IGI. Tiu ĉi tre lerte ricevis ĝin sur sian kapon, kaj reĵetis ĝin al IĜI. Tiu ludo longatempe daŭris; ĝi tedis kaj doloris min . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

INO eniris, portanta IDO'n sur sia nuda kaj malgrasega brusto, kaj sekvata de ETO, kiu ploris kaj tenis ŝin per ŝia flikita robo . . . . . . . .

Eniris ankaŭ ISTO kune kun ILO; kaj subite preskaŭ ĉiuj aliaj Afiksoj enĵetis sin en mian ĉambron, saltante kaj bruegante.

Mi ne povis rekoni ilin; ĉar ili estis kovrintaj siajn vizaĝojn per diverse kolorigitaj maskoj, sed mi komprenis ke ili estas Afiksoj.

Kia bruego, kia netolerebla doloro! Al mi ŝajnis ke mia kapo estas tuj krevonta . . . . . . . .

Profunda silento anstataŭis la bruegon: ESTRO eniris, tre riĉe vestita per oraj kaj arĝentaj vestoj. Li longatempe paroladis, sed tiel rapide, ke mi komprenis nenion; kaj la Afiksoj silente aŭskultis lin. Poste, li fierege eliris kun la mano sur la tenilo de sia glavo. Kiam liaj spronoj ektintis sur la strato, infera rondiro komenciĝis en la ĉambro. Tenante unu la alian per la manoj, la Afiksoj ekrondiris ĉirkaŭ mi tiel rapide, ke ĉiuj spiregis kiel vapormaŝinoj. ETO pli kaj pli ploregis, kaj penegadis por sekvi INO'n; IDO alpendanta al IN'a mamo estis terurege skuata.

Pli kaj pli rapidis la rondiro, kaj mia lito baldaŭ estis altirita en ĝin. Tial mi ankaŭ rondiris kaj rondiradis. Mi vidis preskaŭ nenion plu sed ĉiam mi sentadis grandajn pulsobatojn en mia kapo, ĉiam mi aŭdadis la spiregantajn Afiksojn, kaj la voĉojn senĉese ripetantajn: « Sonorilo.....! » . . . . . .

Tre malproksime, sur altega monto, mi ekvidis blankan kaj brilegan globon. Mi rekonis EGO'n. Rapidege ĝi alproksimiĝis pli kaj pli grandiĝante. Ĝi ŝajnis kvazaŭa levango, kiu eniris mian ĉambron, kaj tute sufokis min sub sia pezego . . . . . .

Ĉiuj Afiksoj estis malaperintaj; dolĉa kvieteco regis en la ĉambro; kaj kvankam mi estis mortinta, mi estis tre kontenta . . . . . . . . . . .

Oni enkondukis min al la tombejo. Grandega amaso da amikoj kaj da Esperantistoj alvenis. Sur la vojo ĉiuj manpremis min. Mi marŝis post la ĉerko, inter la Afiksoj portantaj kandelegojn. Bela suno brilis; la hirundoj pepante disflugadis super niaj kapoj; kaj mi ekpensis ke estas malĝoje morti dum la printempo. Ce l' rando de l' tombo, ia honorinda Esperantisto eltiris skribaĵon el interna poŝo de sia belega verda vesto, kaj laŭte tralegis kortuŝantan paroladon kiu finiĝis jene: « Vi forlasas nin; sed vi tuj alvenos en la Esperantistan paradizon, kie vi estos akceptata, kiel virtulo, inter la feliĉeguloj! » — Sed spite tiuj ĉi belaj certigaĵoj, mi ekmaltrankviliĝis. Mi ne estis certa, ke mi estis tute mortinta; kaj, kiam oni volis min entombigi, mi tiel kontraŭbatalis, ke mi subite vekiĝis.

Dro A. Melin.

# DIVERSAĴOJ.

**Interesa gvidlibro de Gento.** (*) — Tiu ĉi ĵus eldonita verko ne estas unu el tiuj multaj gvidlibroj, nomantaj rapide kaj seke la vidindaĵojn de urbo kaj eldonitaj laŭ komerca celo de profitama presisto! Tiu ĉi 220-paĝa libro estas serioza verko historia, scienca, arta : dudeko da Gentaj scienculoj kaj artistoj, inter kiuj la urbestro mem, profesoroj de l' Universitato, advokatoj, bibliotekistoj, konservistoj de muzeoj kaj arĥivoj, k. c. skribis aron da monografioj historiaj pri la konstruaĵoj pratempaj kaj nunaj, la institucioj (Universitato, malsanulejo, muzeoj k. c.), la parko, la haveno, la industrio, la komerco, la laboristoj kaj la sociala vivo de Gento. Ĉiu el tiuj ĉapitroj estas multvalora dokumento scienca pri la ĉefurbo de Flandro, kaj dank' al la bonvolo de multaj anoj de la fotografarta societo, kiuj pruntedonis kliŝaĵojn, la libro enhavas pli ol du cent mirinde belajn fotogravurojn bistre koloritajn (almenaŭ unu sur ĉiu paĝo), montrantajn ĉiujn mirindajn konstruaĵojn, stratojn, placojn, internaĵojn, objektojn artajn, pentraĵojn, k. c. k. c.

Antaŭ la monografioj estas presitaj « Mallonga historio de Gento », verkita de l' altestimata historiisto belga kaj profesoro en la Genta Universitato, S° Pirenne, kaj « Promenade pittoresque » en kiu, la aŭtoroj bibliotekisto Paul Bergmans kaj pentristo Heins, ne forgesis montri eĉ la plej sensignifan vidindaĵon ĉu malnovan ĉu nuntempan. Por la turistoj estas presita en la komenco de l' libro naŭpaĝa sciigo praktika pri stacidomoj, fervojoj, poŝtoj, telegrafoj, telefonoj, tramvojoj, hoteloj, tarifoj de veturiloj, konsulejoj, bankoj,, kc. kc. En la fino de l' verko estas tre legebla, dulingva, kolorita plano.

La aŭtoroj do celis samtempe utile servi al la fremduloj kaj eldoni por la klerularo verkon historian, sciencan kaj inspirintan de vera amo al sia naskiĝurbo. Ili plej bone prosperis : ilia gvidlibro, pro sia scienca indeco, konservos sian valoron kaj restos ĉiam konsilinda dokumento de loka historio por la venontaj generacioj.

**La foiro de l' servistoj.** — La dungfoiro de l' servistoj kaj servistinoj,enmetita en la ĉie konatan operetonfrancan: *Les Cloches de Corneville* (La sonoriloj de Corneville) ekzistas ankoraŭ en diversaj vilaĝoj Francaj kaj Alzacaj. Ĝi okazas ankoraŭ eĉ en la urbo Metz, ĉiujare, je l' tago de Sankto Stefano (26an de Decembro).En ĉi tiu jaro, la kamparistoj kaj farmistoj dezirantaj dungi servistojn estis tiel grandnombraj kiel tiuj lastaj mem, kaj multe da altprezaj kontraktoj estis farataj. Kulturĉefo postulis salajron okcentfrankan por unu jaro, kaj junaj plugistoj, apenaŭ ekslernantoj, ricevos tridek ĝis tridek kvin frankojn ĉiumonate. — Pratempe, la blua aŭ griza bluzo de la dungotoj kaj la blanka kufo de la vilaĝaninoj Lorenaj donis al tiu foiro vidaĵon pentrindan. Nuntempe, mastro kaj servisto ne estas plu distingeblaj.

**Koroj de reĝoj kiel koloriloj.** — Dum la franca Revolucio estis detruataj multaj funebraj monumentoj en la ĉefpreĝejo de St. Denis kaj en la preĝejo de la « Grands Jésuites » en kiuj estis konservataj multaj koroj de reĝoj kaj reĝaj princoj kaj princinoj. — Redaktoro de la franca gazeto *Le Temps* konigis la strangan sorton de kelkaj el tiuj koroj : Arĥitekto Petit-Radel kontrolis la detruigon de l' monumentoj ; du pentristoj el lia amikaro alestis: Saint-Martin kaj Droling. Ambaŭ deziris kolorilon brunan, malrapide sekiĝantan, nomatan « momie » kaj konsistantan el aromatoj devenantaj de korpoj balzamumitaj. Tiutempe, tiu kolorilo estis tre malfacile akirebla kaj, sekve, tre multekosta. La okazo de l' malfermiĝo de la vazoj enhavantaj la reĝajn korojn estis tenta : Petit-Radel vendis al Saint-Martin la korojn de Ludoviko XIIIa kaj de Ludoviko XIVa, kaj al Droling dekunu korojn, inter kiuj tiun de « Madame », (Hendrikino-Anna de Anglujo, dukino de Orleans, glorita per funebra elparolado de Bossuet).

Estas do tre eble ke la koro de « Madame » eniĝis kolore en la « Interno de kuirejo » de Droling, pentraĵo videbla en la Muzeo « Louvre » en Parizo ! !

**Infana mortado.** — La filantropoj okupas sin, inter aliaj demandoj, pri la infana mortado, kaj serĉas rimedojn por ĝin malpliigi : oni kreas societojn por doni bonan nutraĵon, aŭ por sendi ĉiujare aron da junaj lernantoj el la laborista klaso, dum parto de la libertempo ĉu al la marbordo ĉu al la kamparo, k. c. — En Longwood, ĉirkaŭurbo de Huddersfield, en graflando York, (Anglujo), estis elpensata nova rimedo. — Tiu ĉirkaŭurbo konsistas el laborista loĝantaro kaj kelkaj farmistoj. Dum la dek lastaj jaroj la cifero de l' infana mortado estis 122 °/o.— Komitato konsistanta el sinjorinoj,por kontraŭbatali tiun staton, agis jene: donaco 25-franka estis promesata al ĉiu familio Longwood'a kies infano, naskiĝinta la 9an de Novembro 1904a, vivus aukoraŭ la 9an de Novembro 1905a. — La promeso estis skribata sur karto donata al la patrino kaj enhavanta plie konsilojn pri la zorgoj donotaj al la infano dum tiu periodo. La sinjorinoj mem, de tempo al tempo, vizitis kaj helpis la patrinojn. Je Kristnasko, Pasko, kc la buboj ricevis donacetojn, kaj je la alveno de malfacilaj epokoj de l' jaro (varmo somera, frosto vintra) la komitato skribis al la patrinoj, leterojn kun specialaj konsiloj pri zorgoj donotaj dum tiuj sezonoj.

Tiu unujara provo donis mirigan rezultaton : la proporcio de l' mortado malaltiĝis de 122 °/oo ĝis 54 °/oo kaj, pro la diskonigo al la patrinoj, precipe al la junaj, de la zorgoj ĉiuspecaj donotaj al infanoj, la provo ne sole profitis al la novenaskitoj, sed ankaŭ al ĉiuj infanoj ĝenerale. Jen estas rezultato esperoplena !

(*) **Gand** : *Guide illustré, publié sous les auspices de la Commission locale des monuments : Kosto : 3 frankoj, broŝurita ; 4 frankoj, bindita.*

# PINO

*Dediĉita al Sinjorino R. Junck.*

**de TETMAJER** *(pola poeto).*

*La sola pino bruas*
*Sur kruta la ŝtoneg'....*
*Ĉe la piedoj ĝiaj*
*Nigriĝas profundeg'....*

*Ĉirkaŭas ĝin malvarmo,*
*Malgaja mur' granita.....*
*Kaj supre nigrajn nubojn*
*Kurigas vent' subita...*

*Per la dezerto ŝtona*
*De ĉie ĉirkaŭita,*
*La sola pino bruas*
*Senfine ĉagrenita......*

*Esperantigis*
Leo Belmont.

# FRANCA-FLANDRA FAKO.

## *Pensées modernes.*

Le dîner finissait. Sur la longue table les verres à demi pleins s'alignaient en tirailleurs, entre les fleurs qui achevaient de mourir et exhalaient des parfums fades. Les fruits croulaient hors des larges coupes de cristal, réfléchissant l'éclat des lumières sur leur épiderme poli. Les fromages passaient, odorants et gras. On versait du champagne. La fumée capricieuse des havanes montait lentement vers le plafond, et des violons invisibles égrenaient dans l'air chaud des valses langoureuses. « Ainsi, dit Brillat-Savarin, pendant que la cour du roi des Phéaciens se régalait, le chantre Phémius célébrait les faits et les guerriers des temps passés. »

Alors, comme la digestion commençante ralentissait le cours de la conversation, mon savant ami, le docteur américain Mac-Kintosh parla, et sa voix grave et nette, éclairée préalablement par l'absorption d'un verre d'eau minérale, était d'or.

— Le modernisme, déclara-t-il sentencieusement, est à la fois un bien et un mal. Il a raccourci les espaces, il a allongé le temps en nous dotant de la vitesse, ignorée des anciens ; il a lancé sur les routes des mécaniques mugissantes, il a livré la mer aux vaisseaux, il a percé la montagne ; il a inventé la télégraphie, avec et sans fil, le téléphone, le phonographe, le journal, la dynamo et le tapioca ; demain, il nous mettra en communication avec les gens des autres planètes. Tout cela sont des choses excellentes.

« Cependant il y a un revers à cette médaille. Nous allons trop vite, aujourd'hui, à mon sens Nous n'avons plus le temps de penser..... »

Quelques cigares s'étaient éteints. Les violons se turent. On écoutait le docteur qui développait son brillant paradoxe.....

— Oui, je le répète : on n'a plus le temps de penser. Autrefois, on n'acceptait rien à la légère dans le domaine de la pensée. On lisait, on discutait, on pérorait, quelquefois même, je l'avoue, à propos de vétilles. On parlait gravement de la question du jour, on l'examinait sous toutes ses faces ; les dépêches tendancieuses, les canards, les bruits venus d'on ne sait où ne démolissaient pas demain ce qu'on avait cru hier.

« Rien de pareil en ce moment. L'écrit et l'imprimé envahissent tout. Mille sujets occupent notre attention. Guerres et révolutions se succèdent. Toujours, toujours du neuf ! Il en vient de partout, de l'Afrique, de l'Amérique et de la Chine. Les démentis, les nouvelles contradictoires pleuvent comme grêle, et les limites du savoir humain, de l'activité universelle se sont étendues tellement que personne ne saurait se vanter de pouvoir, d'oser seulement les suivre !

« Que s'en suit-il ? C'est que nous ne connaissons *bien* que peu de choses. Nous nous cantonnons tous dans une spécialité, dans un genre. Le médecin devient oculiste, et l'avocat ne s'occupe plus que de surestaries. Il y a pis, malheureusement. Ne connaissant parfaitement — et encore ! — que *quelques* choses, nous n'avons qu'une culture générale très imparfaite. Il n'existe plus, à proprement parler, d'encyclopédistes, et ce défaut, cette tare, qu'un examen attentif découvrirait chez chacun d'entre nous, y compris votre serviteur, nous porte à accepter sur des sujets, qui nous sont inconnus ou peu familiers, des opinions toutes faites, des jugements préconçus. En outre, comme nous nous rendons parfaitement compte que la science ou l'esprit modernes varient avec une inconcevable facilité, nous nous en tenons préférablement à une impression première, bonne ou mauvaise. Enfin le conservateur acharné qui sommeille dans notre cœur nous porte à défendre, à fortifier cette première impression. Peu de gens ont sur plusieurs grands problèmes, des idées claires, nettes, logiques, réfléchies, raisonnées. Elles ont lu ceci, elles ont entendu dire cela, et cette opinion superficielle suffit à leurs multiples ambitions. Voilà ce qu'a fait le modernisme ! »

Ce discours souleva d'unanimes protestations, car il froissait l'amour-propre de certains convives, et chatouillait la susceptibilité de tous.

— Sans doute, s'écria l'aimable amphitryon (1) qui avait écouté avec attention le bon docteur; sans doute, nous possédons un savoir général moins approfondi que les anciens Grecs ; en revanche il est plus étendu. Vous ne me ferez jamais dire, cependant, que nous ne puissions porter un jugement sain sur un grand problème qui intéresse toute l'humanité !

— Je relève ce défi, répartit le savant, et je vais, avec votre assentiment, vous mettre tous à l'épreuve.....

— Bravo !

— Et vous prier, donc, de me dire ce que vous pensez d'une question qui ne devrait être étrangère à personne.

— Nous sommes tout oreilles.....

— Eh bien, que pensez-vous d'une langue internationale ?

— Utopie !

— Impossibilité !

— Rêve de savant !

— Parlez-moi du volapük !

— Ohé ! le bolak !

— Enfantillages !

— Vous croyez à cela, vous ?

Le docteur Mac-Kintosh, mon savant ami, ne dit mot. Mais il tira de sa vaste redingote un amas de papier multicolore. On y remarquait dix revues, vingt grammaires, cent lettres et cartes postales écrites en Esperanto et venues de tous les coins de la terre. Il les étala posément, en lut quelques-uns, les commenta, exposa des témoignages certains et distribua des brochures de propagande, qui furent très bien reçues et qu'on examina sans dédain.

Alors on servit le café, et, prudemment, on parla d'autre chose. VIEILHOMME.

(1) Nom d'un prince thébain, fils d'Alcée, roi de Tyrinthe, aïeul d'Hercule, et époux d'Alcmène.

